# Amikeco

Monata gazeto de la
Internacia Esperantista Kolektanto-Klubo,
Sekcio de Migrantaj Poŝtkartoj,
Internacia Klubo de Esperantistaj Filatelistoj.
Prezidanto: J o s e f G r o e b e l .
Administrado: Koblenz am Rhein, Eltzerhofstr.5
Poŝtĉekkonto: Köln 37957

N-ro.4 Aprilo 1926 3.jaro.

## N U N F A R I Ĝ I S U N U J A R O,

ke samideano Josef G r o e b e l surprenis la gvidadon de nia klubo, kiu tiam estis premata per gravaj malfacilaĵoj tiel teknikaj kiel financaj. Vere admirinde s-ano Groebel altigis la tiaman ĥaoson je la proksimume modela precizeco nuntempa.

S-ro Groebel estas ne nur prezidanto, sed ankaŭ sekretario, redaktisto, kompostisto, presisto kaj ekspedisto de nia gazeto, mallonge kaj koncize „la internaĵo" de la klubo. Li estas oferanta por Esperanto, precipe por A M I K E C O, sian tutan liberan tempon, kiu restas al li apud lia ofico kiel poŝtoficisto,

Bedaŭrinde g'is nun multe mankis la aktiva kunlaboro de niaj membroj. Eĉ la kotizoj malrapidege alvenas, tiel ke la estro preskaŭ neniam povas disponi pri la necesa mono. Estas dezirinde, ke la membroj, kiuj ne povas pagi je unu fojo la tutan jarkotizon, pagu parte, ekz ĉiun monaton 3-4 int resp.-kuponojn per lotero. Tiel la pago estos baldaŭ efektivigita kaj nia estro ne bezonas plendadi kaj admonadi, kiel tio nun okazas en ĉiu eldonaĵo de nia gazeto. Do, bonvolu ĉiuj kunhelpi almenaŭ per regula pagado de la kotizo, por ankaŭ tiumaniere rekompenci la estron por lia malegoisma laborado.

ĈU NOVAĴOJ? - INFORMU NIN TUJ!

KIE MI TROVAS POŜTMARKOJN POR LA PRESFONDO ?

Tiun-ĉi demandon donis membro de nia klubo al la estro, dirante, ke li ne estas filatelisto kaj li ne posedas markojn.

Ekzistas poŝtmarkoj jam depost la jaro 1840. La unua marko, la nigra unu „Penny" marko estis presata de la presejo BERKINS BACON & Co. en London, Britlando. Poste ĉiuj kulturŝtatoj iom post iom faris poŝtmarkojn, kiuj farig'is komuna aĵo por la tuta mondo.

Poŝtmarkoj trovig'as en ĉiuj familioj, ĉe gepatroj, geavoj, onkloj ktp., ili trovig'as ĉie. Tiu, kiu opinias ke li ne havas markojn, bonvolu serĉi en malnovaj kestoj kaj skatoloj, li certe trovos ilin, kiuj nur atendas esti eltirataj el forgeseco.

Tial kolektu tiajn markojn kaj sendu ilin al la estro por la presfondo.

*

VOJAĜO TRA SVISUJO JE KONSIDERO DE LA OFICIALAJ BILDPOŜTKARTOJ.

(Fino.)

Postkiam ni estas atingintaj S o l o t h u r n kaj B u r g d o r f ni vizitas B e r n. Bern estas la ĉefurbo de la samnoma kantono kaj depost 1848 la sido de la svisaj interligaj oficoj. Ankaŭ la centra ofico de la mondpoŝtunuig'o estas tie. Pri Bern ekzistas 4 diversaj bildkartoj.

Nun ni veturas al „Thuner-See" kaj per vaporŝipo ni vizitas la ejojn: B a d  G u r n i g e l, O b e r h o f e n, R e i c h e n b a c h, R i e n t a l kaj I n t e r l a k e n. La lasta loko havas mildan klimaton kaj estas bona kuracejo. De tie ni alvenas trans W e n g e n al Luzern. Tie ĉi ni trovas bildkartojn kun vidaĵoj de J u n g f r a ŭ, W e t t e r h o r n, R e i c h e n b a c h-akvofalo kaj de la ĉirkaŭaĵo de „Vierwaldstädter - See" R i g i - V i t z a ŭ, f e r v o j o de

Niaj membroj kaj aliaj samideanoj estas petataj, bonvolu sendi ilustri-

R i g i, f o n t o de R i g i, de la urboj S o n n-M a t t kaj E n g e l b e r g.

Nun ni vojag'as trans Z o f i n g e n, B a-d e n (Aargaŭ) al S c h a f f h a ŭ s e n, kiu iam apartenis longtempe kiel libera urbo al la germana regno. Vizitinte L a ŭ f e n b u r g kaj R h e i n f e l d e n ni atingas la iam liberan regnourbon B a s e l, kiu estas konata kiel unu el la plej grandaj komercurboj de Svisujo. Tie-ĉi nia vojag'o finig'as.

*

PRI SURPRESITAJ MARKOJ DE KAMERUN.

Antaŭ kelke da tempo aperis en ĉiuj kolonioj de Francujo surpresa serio de 25 centimes-markoj, kies valoro plialtig'is je 2 kaj 5 Francs per surpreso. Ankaŭ por Kamerun tiuj-ĉi serioj estas anoncitaj. Malmulte agrablaj informoj venas de la eldonlando de tiuj-ĉi markoj, ĉar en Kamerun mem oni scias neniom pri ili. Montrig'is, ke nur k e l k a j c e n t markoj, kiuj estis surpresitaj en Parizo, estis forsendataj Kamerun-on kaj la plej granda parto restis en Parizo, kie la markoj malaperis en la magazenojn de la poŝtmarkvendistoj. La gobernestro rifuzis dank' al la malgranda kvanto la permeson de vendo ĉe poŝtgiĉetoj por eviti procentegon. Tiu-ĉi nepre prudenta ordono tute severe estas plenumata kaj neniu marko, oficiale eldonita, devas helpi la parizan spekulacion. Estas forsenditaj nur tiom da markoj en la koloniojn, ke ĉiu blankulo ne povis aĉeti n u r du markojn, sed en Ameriko la nomitaj markoj estas haveblaj en ĉiu vendejo. Versaine estas la sama afero rilate al la surpresitaj markoj de la aliaj kolonioj, tial ni estu singardaj.

---

Se vi ne pagis

vian k o t i z o n por 1926,

pagu senprokraste.

Ivan aŭ Jean Odder, Bukarest!

Laŭ kelkaj sciigoj, al la ligo de la germanaj filatelistklubo; jam depost jaroj li vendas eblajn surpresfalsig'itajn poŝtmarkojn de jenaj landoj: Hungarujo, Rusujo, kaj aliaj orientŝtatoj. Car Odder la vendadon daŭrigas, oni devas supozi ke g'i estas profitema kaj la kolektantoj daŭre estas malutilataj. Tial ĉiuj kolektantoj kaj vendistoj de poŝtmarkoj estas avertataj pro la agado de Odder.

*

Jean Cividini.

La pariza polico arestis Jean Cividini 24 ag'an, log'inte rue Reuzel 5 Paris, pro falsigado de la nederlanda orang'kolora 10 „Gulden"-marko, kun du helpintoj, tiuj-ĉi estas A. Zagorski 22 ag'a kaj Konstantin Makaroff. Ĉu inter la arestita Cividini kaj la firmo Romano Cividini en Triest, Via del rivo 18, estas iu ajn interligiteco ne jam povis esti konstatata.

*

Falsaj „Regutal"-markoj.

De kompetentulo ni estas petataj, averti pro aĉetado de kompletaj serioj de nomitaj rumanaj surpresmarkoj. Ankaŭ la unua portomarko de la „Klaŭsenburg"-eldono ofte aperas falsigita. La falsigoj venas de certa persono. Principe la de Parizo proponitaj serioj je la prezo de 225 fr. pli ofte enhavas tiujn-ĉi falsigojn. Malfalsaj markoj kostas po kompleta serio almenaŭ la kvaroblan prezon. Tial la plej granda singardo estas postulate.

---

Abonprezo: unu jaro 1 U.S. Dolaro.
Anoncprezoj: 1 pag'o 4 U.S. Dolaroj, ½ pag'o 2 U.S Dolaroj, ¼ pag'o 1 U.S. Dolaro. Malgrandaj interŝang'anoncoj ĉiu vorto 5 orpfenigojn.
Fino de la akcepto de la anoncoj ĉiufoje la 20a de monato.